# ESTATUTOS

## DE LA

# ASOCIACIÓN ESPAÑOLA ESPERANTISTA

## (HISPANA ESPERANTO-ASOCIO)

Artículo primero. *Objeto.*—H. E. A. tiene por objeto propagar y aplicar la lengua auxiliar internacional Esperanto en España, acelerar su adopción oficial y facilitar su uso por todos los medios, apartándose de cuestiones sociales, políticas y religiosas.

Art. 2.° *Miembros.*—Se consideran Miembros de H. E. A. cuantas personas acepten y cumplan estos *Estatutos*. Las categorías de Socios, aplicables en cada caso por la Directiva, serán: *a)* Numerarios; *b)* Protectores; *c)* Honorarios. A las dos últimas pueden pertenecer también Sociedades o Corporaciones. La cotización será *dos* pesetas por año; el Comité está autorizado para variarla, así como para eximir de ella a los socios Honorarios, dando cuenta de su justificación en las Asambleas, que serán las que en definitiva decidan.

Art. 3.° *Directiva.*—El Comité Director de H. E. A., elegido entre sus Miembros, estará compuesto de Presidente, Vicepresidente, Secretario y Tesorero, mas *dos Vocales* por cada región. Los cargos durarán *dos* años y serán reelegibles, siendo reemplazables entre sí las obligaciones y atribuciones de cada cargo.

Art. 4.° *Estatutos.*—Sólo mediante el voto de *dos* tercios de los socios Numerarios podrá acordarse un cambio en los *Estatutos:* igual número se precisará para decidir la disolución de la Sociedad.

Art. 5.° *Congresos.*—Se efectuará, en lo posible, un Congreso o Asamblea General anua. Sus acuerdos se notificarán a todos por el periódico o por circular, y serán válidos si en los tres meses siguientes no fueren desechados por más de la mitad de los Numerarios. En estos Congresos la Directiva dará cuenta de su actuación, y sus cuentas serán informadas por *dos* socios competentes nombrados por la Asamblea.

Art. 6.° *Gaceta.*—H. E. A. publicará sus comunicaciones y dará cuenta de su gestión en una publicación esperantista española, si es posible, órgano propio, perteneciendo en este caso el Director al Comité Director de H. E. A.

Art. 7.° *Instituto.*—Se crea en España, como órgano técnico de H. E. A., el Instituto de Esperanto, con vida autónoma y Reglamento propio.

Art. 8.° *Domicilio y fondos.*—El domicilio social de H. E. A. es el de la Cruz Roja Española, hoy Sagasta, 10, Madrid. En caso de disolución, los fondos sociales irían al Grupo Esperantista local más numeroso en España.

Madrid a 31 de mayo de 1926.

*El Presidente,*
CARLOS M.ª CORTEZO.

Hay un sello de H. E. A.

*El Secretario,*
MARIANO MOJADO.

Presentado en esta Dirección General de Seguridad.—Madrid, 10 de septiembre de 1926.—El Director General, *Pedro Bayn.*—Hay un sello de la Dirección General de Seguridad.

3.ª Epoko * N.º 127 Decembro * 1927

# LA SUNO HISPANA

Organo de la hispanaj esperantistoj ✶ Organo de los esperantistas españoles

Fondinto: AUGUSTO JIMENEZ LOIRA

Redaktejo: Colón, 24 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos

Direktoro: M. CAPLLIURE

**ENHAVO:** Por jaro 1928ª.—Ne, kaj milfoje ne!—Malfermita letero.—Internacia Scienca Asocio Esperantista.—La Grupo «Lumradio de Cheste.—Sevilla la urbo de la VII Hispana Kongreso de Esperanto kaj de la Iber-Amerika Ekspozicio.—VII Congreso Español de Esperanto en Sevilla.—Sciigoj.—Bibliografio.

## *Por jaro 1928ª*

LA SUNO HISPANA *daŭrigos sian publikigadon dum la jaro 1928ª. Ni ne havas sufiĉan tempon nek lokon por klarigi al niaj legantoj tiun novan decidon de ĝia redaktoraro; sed en venonta numero ni, pli detale, sciigos al ĉiuj la kialon de nia daŭrigado.*

*Do, ni deziras al la tuta esperantistaro gajan Kristnaskon kaj tre feliĉan kaj fruktodonan Novan Jaron.*

* * *

LA SUNO HISPANA *continuará su publicación durante el año 1928. No tenemos tiempo ni espacio suficientes para explicar a nuestros lectores esta nueva decisión de sus redactores; pero en el número próximo, con más detalle, comunicaremos a todos el por qué de nuestra continuación.*

*Así, pues, deseamos a todo el esperantismo alegres Navidades y muy feliz y próspero Año Nuevo.*

*LA SUNO HISPANA.*

# Ne, kaj milfoje ne!

La Suno Hispana ne devas malaperi, kaj ni ĉiuj devas ĝin subteni, ĉar la bezono, la tradicio kaj la simpatio tion postulas. Jen estas, en kelkaj vortoj, la respondo al la noto publikigita en novembra numero de la dirita gazeto, sub titolo »*Ĉu* La Suno Hispana *malaperos?*»

Apartigita iomete de la esperanta movado pro privataj aferoj, mi ne sekvis atente la evoluon de niaj organizaĵoj naciaj. Tial mi estis vere frapita leginte la sciigon pri malaperigo de la gazeto.

Ankaŭ oni aludas tie la mankon de morala apogo. Pri tio mi devas ion diri. Efektive, ofte mi rimarkis, ke en La Suno Hispana aperas nemultaj notoj pri la movado kaj laboroj de nia *Hispana Esperanto Asocio,* kaj malgraŭ ĉio mi povas aserti ke nia movado en Hispanujo progresadas pli kaj pli forte. Tia foresto de sciigoj sendube devenas el la fakto ke niaj hispanaj pioniroj estas tro modestaj; ili laboras, laboregas, kaj tamen neniam publikigas personajn sukcesojn. Kial? Legu fremdajn oficialajn gazetojn kaj vi trovos ilian tekston superŝutitan de novaĵoj pri nacia propagando, kio multe helpas la movadon kaj instigas lacajn esperantistojn al ĝenerala kunagado. Sekve de tio mi opinias, ke nur tia idiosinkrazio estas la kaŭzo de la ebla neatentigo pri la gazeto.

Mi kredas ke la momento alvenis—almenaŭ en Madrido—kiam oni devas profiti la novajn fortojn, kiuj aperis dank' al senlaca laborado de niaj pioniroj, por entrepreni vastan propagandon en la tuta Hispanujo pere de ĉiuj societoj kaj izolaj samideanoj, kies laborojn devas unuigi la komitato de H. E. A. Estu certaj ke se ni ĉiuj helpas la Centran komitaton, tuj oni vidos la fruktojn de la semoj de ĉiesaj penoj, kaj tute

# ¡No, y mil veces no!

La Suno Hispana no debe desaparecer, y todos nosotros debemos sostenerla, porque la necesidad, la tradición y la simpatía lo exigen. He aquí, en pocas palabras, la respuesta a la nota publicada en el número de noviembre de dicho periódico, bajo el epígrafe: «*¿Desaparece* La Suno Hispana?»

Algo apartado del movimiento esperantista por asuntos particulares, no he seguido atentamente la evolución de nuestros organismos nacionales. Así, fué para mí un verdadero golpe de sorpresa la noticia de la desaparición del periódico.

También se alude en él a la falta de apoyo moral. Sobre esto debo decir algo. Efectivamente, he observado con frecuencia, que en La Suno Hispana aparecen pocas notas sobre el movimiento y labor de nuestra *Hispana Esperanto Asocio,* y a pesar de esto puedo asegurar que nuestro movimiento en España progresa cada vez más. Esta ausencia de noticias proviene sin duda de que nuestros campeones españoles son demasiado modestos; ellos trabajan, se desviven, y no obstante nunca publican éxitos personales. ¿Por qué? Leed periódicos oficiales extranjeros y encontraréis su texto saturado de noticias de propaganda nacional, lo cual auxilia en gran manera el movimiento, instigando a los esperantistas remisos a la acción general. Por eso yo opino que sólo aquella idiosincrasia es la causa de la aparente desatención hacia la revista.

Creo que ha llegado el momento—por lo menos en Madrid—de aprovechar las nuevas fuerzas que han aparecido, gracias a la incansable labor de nuestros campeones, para emprender una vasta propaganda en toda España por medio de todas las sociedades y esperantistas aislados, cuyos trabajos debe unificar el Comité de H. E. A. Estad seguros de que si todos nosotros ayudamos al Comité central, en seguida se verán los

certe ne mankos al LA SUNO HISPANA tiu morala apogo, kiu laŭdire nun forestas.

Nia Nacia Kongreso alproksimiĝas kaj tie ni devas nin prezenti antaŭ internacia publiko, kiu devas juĝi nin, potencaj kaj en perfekta organizita stato. Ni devas kuniĝi por varme propagandi ĉiuflanken; tiel ni certe ludos gravegan rolon en la disvolvado de esperantismo en la mondo, ĉar ni hispanoj posedas la plej bonajn ecojn por atingi celon: entuziasmon kaj sindonemon. Tial ni devas montri tiajn ecojn per novaj organizaĵoj, ne per malaperigo de ekzistantaj. Ĉiu scias ke la movado en nia lando bone progresas, ke ni estas fortaj kaj entuziasmaj; sed tamen, se LA SUNO malaperas, ĉu oni ne rajtos dubi pri nia energio konstatante ke ni ŝajne eĉ ne havas forton por subteni la organon de nia pli grava esperanta organizaĵo nacia?

Do, mi kredas ke estas nepre necese forigi tiun eblan suspekton, ne per simplaj diroj, sed per amika, senlaca kaj efika kunlaborado; tiamaniere ni plenumos unu el plej belaj konsiloj poeziaj de la Majstro:

«. . . . . . . . . . . . . . . . .
Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante
Ni iru la vojon celitan!
Eĉ guto malgranda, konstante frapante,
Traboras la monton granitan.
L' espero, l' obstino kaj la pacienco—
Jen estas la signoj, per kies potenco
Ni paŝo post paŝo, post longa laboro,
Atingos la celon en gloro.
. . . . . . . . . . . . . . . . .»

LUDOVIKO RODRÍGUEZ ESCARTÍN.

Madrido, decembro 1927.

frutos de la siembra, de los esfuerzos de todos, y con toda seguridad no le faltará a LA SUNO HISPANA aquel apoyo moral que se dice falta ahora.

Nuestro Congreso Nacional se aproxima y allí debemos presentarnos ante un público internacional, que ha de juzgarnos, potentes y en perfecto estado de organización. Debemos unirnos para hacer calurosa propaganda por todos lados; así, desempeñaremos ciertamente un papel importantísimo en el desenvolvimiento del esperantismo en el mundo, pues nosotros los españoles poseemos las mejores cualidades para alcanzar un fin: entusiasmo y abnegación. Por eso debemos demostrar tales cualidades por medio de nuevos organismos, no con la desaparición de los existentes. Todos saben que el movimiento en nuestro país progresa visiblemente, que nosotros somos fuertes y entusiastas; pero, a pesar de esto, si LA SUNO desaparece, ¿no habrá derecho a dudar de nuestra energía, viendo que, al parecer, ni siquiera tenemos fuerza para sostener el órgano de nuestra más importante organización esperantista nacional?

Creo, pues, que es necesariamente imprescindible alejar aquella posible sospecha, no con simples palabras, sino con una amistosa, incansable y eficaz colaboración; de este modo cumpliremos con uno de los más hermosos consejos poéticos del Maestro:

«. . . . . . . . . . . . . . . . .
Sólo rectamente, con ánimo y sin titubear
Sigamos el camino trazado!
Hasta la pequeña gota, hiriendo constantemente,
Perfora el monte de granito.
La esperanza, la obstinación y la paciencia—
He aquí los signos, con cuya potencia,
Paso tras paso, después de larga labor,
Alcanzaremos el glorioso fin.
. . . . . . . . . . . . . . . . .»

LUIS RODRÍGUEZ ESCARTÍN.

Madrid, diciembre 1927.

# Malfermita letero

## al la geesperantistoj el ĉiuj landoj

Karaj kaj respektindaj gesamideanoj.

Pensante ke la konon de fremdaj lingvoj oni atingas kaj perfektigas per la praktiko, malgranda grupo de madridaj esperantistoj, kiuj ĉiutage kunvenas en la bierejo *Sajonia,* estrato Arenal nº 3, apud la Suna Pordo, centro de la socia vivo, pensis proponi kaj proponas al la gesamideanoj fremdaj kaj hispanaj, la interŝanĝon de junuloj de dek ĝis dekkvin jaroj, celante tiamaniere ke la fremduloj venontaj en Hispanujon lernu hispanan lingvon aŭ perfektigu ĝian konon, kaj ke la hispanaj junuloj elirontaj eksterlanden lernu kaj perfektiĝu en la lingvoj de la respektivaj landoj.

Se la junuloj ĉu fremdaj ĉu hispanaj povas plie, dum la jaro aŭ du jaroj de loĝado for de sia lando, lerni stenografion kaj meĥanografion ili sin trovos en posedo de konoj per kiuj, ili povas atingi bonan aŭ profitan okupon en Bankoj, komercoj, privataj oficejoj, gravaj industriaj Societoj; kaj pro tio tiel ili kiel iliaj familioj ĉiam rezultos favorigitaj.

Tiel ke por ni estas neeble scii la edukajn, instruajn kaj moralajn kondiĉojn el ĉiuj junuloj kiuj intencos utiligi la interŝanĝon, ni ne povos garantii la bonkonduton de la junuloj, kaj ĉiam ni faros referencon al la informoj liveritaj de sinjoroj Delegitoj de *Universala Esperanto Asocio* kaj de la esperantistaj Grupoj de la lokoj kie loĝos la junuloj interŝanĝontaj, aŭ se en la sama loko ne estus grupo, tiu de la urbo aŭ vilaĝo pli proksima. La diritaj informoj estos en ĉiu momento je la dispono de la interesuloj kaj iliaj familioj.

# Carta abierta

## a los esperantistas de ambos sexos de todos los países

Queridos y respetables correligionarios de ambos sexos.

Entendiendo que el conocimiento de las lenguas extranjeras se obtiene y perfecciona con la práctica, un pequeño grupo de esperantistas madrileños, que diariamente se reunen en la cervecería *Sajonia,* calle del Arenal, núm. 3, junto a la Puerta del Sol, centro de la vida social, han pensado proponer y proponen a los *samideanos* de ambos sexos, extranjeros y españoles, el intercambio de jóvenes de diez a quince años de edad, teniendo esto por objeto que los extranjeros vengan a España para aprender o perfeccionarse en el idioma español, y que los españoles vayan al extranjero para aprender o perfeccionarse en las lenguas de los respectivos países.

Si los jóvenes ya extranjeros, ya españoles, pueden, además, en el año o los dos años de permanencia fuera de su país, aprender taquigrafía y mecanografía, se encontrarán en posesión de conocimientos que les permitirán obtener una buena o provechosa colocación en Bancos, comercios, oficinas particulares, Sociedades industriales de importancia; con lo cual, tanto los jóvenes como sus familias, resultarían siempre favorecidos.

Como a nosotros no nos será posible conocer las condiciones de educación, instrucción y moralidad de todos y cada uno de los jóvenes que han de utilizar el intercambio, no podremos responder de la conducta de éstos, y nos referiremos siempre a los informes que nos suministren los señores Delegados de la *Universala Esperanto Asocio* y los Grupos esperantistas de las localidades en que vivan los jóvenes que han de hacer el intercambio, o si en la localidad respectiva no hubiese grupo esperantista, el de la capital de la provincia o lu-

La interŝanĝon oni faros alvenante al Hispanujo fremda junulo por loĝi unu aŭ du jarojn en la hejmo de la gepatroj de la hispana junulo, kiu iros dum la sama periodo da tempo al la hejmo de la fremda junulo. Tiel la koncernaj familioj ne perdas nur interŝanĝas filon: ili sendos unu kaj ricevos alian de la samaj aŭ similaj kondiĉoj.

La esperantistaj familioj kiuj akceptas la ideon, kaj deziras fari proponojn de interŝanĝo, sin povas turni al sinjoro Benigno de Luna Gómez, bierejo *Sajonia,* strato Arenal'o nº 3, aŭ al lia hejmo strato Abascal, nº 45 - 1.º maldekstre, ĉe Madrid'o (Hispanujo).

Nia celo estas praktiki la internan ideon de Esperanto, sekvi la ekzemplon de nia glora Majstro, aŭtoro de la helpa internacia lingvo, eminenta filologo, Kuracisto-okulisto ĉe Varsovio, Lazaro Ludoviko Zamenhof, penante la reciprokan helpon inter la esperantistoj de la tuta mondo; kaj la subskribanto komisiita de siaj kamaradoj por direkti tiujn ĉi klopodojn, ĉiam preta servi siajn samideanojn, deziras tutkore ke sia agado estu fruktodona.

Respektplenan saluton al ĉiuj de

BENIGNO DE LUNA.

gar más próximo. Dichos informes estarán en todo momento a disposición de los interesados y sus familias.

El intercambio se hará viniendo a España un joven extranjero para vivir uno o dos años en la casa del joven español que vaya por el mismo período de tiempo a la casa del joven extranjero. De esta manera las respectivas familias no pierden, sólo cambian un hijo: envían uno para recibir otro en las mismas o parecidas condiciones.

Las familias de esperantistas que acepten la idea y deseen hacer proposiciones de intercambio pueden dirigirse a D. Benigno de Luna Gómez, cervecería *Sajonia,* calle del Arenal, núm. 3, o a su domicilio, calle de Abascal, número 45, 1.º, izquierda, en Madrid (España).

Nos proponemos practicar la interna idea del Esperanto, seguir el ejemplo de nuestro insigne maestro el autor de la lengua auxiliar internacional eminente filólogo, Médico-oculista de Varsovia, Lázaro Luis Zamenhof, procurando el mutuo auxilio entre los esperantistas del mundo entero y el que suscribe, comisionado por sus compañeros para dirigir estas gestiones, siempre dispuesto a servir a sus *samideanos,* desea de todo corazón que su actuación sea provechosa.

Un saludo respetuoso a todos de

BENIGNO DE LUNA.

---

# Internacia Scienca Asocio Esperantista

## (I. S. A. E.)

### Reklama Fako

Ankoraŭ nun plej granda parto de la publiko ne aŭdis eĉ la nomon ESPERANTO; alia parto aŭ nenion scias, aŭ eraras pri ĝia signifo; sekve vigla kaj lerta *reklamado* estas necesa por diskonigi,

# Asociación Científica Internacional Esperantista

## (I. S. A. E.)

### Sección de reclamo

Todavía hoy la mayor parte del público ni siquiera ha oído el nombre de ESPERANTO; otra parte, o nada sabe o se equivoca en cuanto a su significado; por lo tanto, un constante y bien dirigido

ne nur tiun nomon, sed ankaŭ ĝian signifon; por montri tiun signifon, al tiu nomo estu kunigataj kelkaj malmultaj, sed trafaj, klarigantaj, *nacilingvaj* vortoj, aŭ bildo facile komprenebla de ĉiuj; sed, ĉar ni havas preskaŭ neniun monrimedon por tiu reklamado, ni devas uzi malmultekostajn metodojn, utiligante plej bone la rimedojn, kiujn ni havas.

La plej facile uzebla estas fiksado de *glumarkoj* sur ĉiuspeca korespondaĵo (leterkovertoj, gazetkovertoj, cirkuleroj, komercaj paperoj, k. t. p.).

Por tio, glumarkoj montrantaj la frazon: «*Uzu nur Esperanton — tre facilan lingvon — por viaj internaciaj rilatoj*» estu eldonitaj en diversaj naciaj lingvoj.

*La sendanto algluu sur sia korespondaĵo unu glumarkon en sia nacia lingvo kaj alian glumarkon en la lingvo de la adresato.*

Ankaŭ estu eldonita glumarko montranta bildon, internacie kompreneblan, kiun *sendanto fiksu sur ĉiuj siaj poŝtsendaĵoj, se ĝi ne havas glumarkojn en la supredirítaj nacilingvoj.*

Preferinde la nacilingvaj glumarkoj estu eldonitaj de la naciaj propagandaj societoj, kaj internacia glumarko de internacia organismo (Centra Komitato, U. E. A., k. t. p.), kiuj disvendu ilin.

Por montri eblecon realigi tiun programon, I. S. A. E. eldonis:

1e *Glumarkon montrantan la frazon: «Uzu nur Esperanton, k. t. p., franclingve redaktitan* (Sekve tiu glumarko estas fiksota sur poŝtsendaĵoj *al* aŭ *el* Francujo);

2e *Internacian glumarkon* montrantan bildon prezentantan la stelon Esperanto leviĝantan super la ruinoj de la Babel' turo;

*método de reclamo* es necesario para propagar, no sólo este nombre, sino también su significado; para dar a conocer tal significado, añádanse a aquel nombre unas cuantas palabras, pocas, pero adecuadas y aclaratorias en *lengua nacional*, o un dibujo fácil de comprender para todos; pero siendo así que no contamos con medios económicos para semejante propaganda, tenemos que emplear métodos poco costosos, utilizando del mejor modo los recursos que poseemos.

El más fácil de usar es la fijación de *sellos adheribles* a toda clase de correspondencia (sobres, fajas de periódicos, circulares, papeles comerciales, etc.).

Para ello, edítense en diversas lenguas nacionales sellos que ostenten la frase: «*Emplead sólo el Esperanto — lengua muy fácil — en vuestras relaciones internacionales.*»

*El remitente pegará sobre su correspondencia un sello en su lengua nacional y otro sello en la lengua del destinatario.*

Edítese también un sello que ostente un dibujo, internacionalmente comprensible, que *el remitente fijará sobre todos sus envíos por correo, caso de no tener sellos en las supradichas lenguas.*

Con preferencia, los sellos en lengua nacional deben editarlos las sociedades nacionales de propaganda, y el sello internacional un organismo internacional (Comité Central, U. E. A., etc.), quienes los pondrán a la venta.

Para demostrar la posibilidad de realizar este programa, I. S. A. E. ha editado:

1.° *Un sello que ostenta la frase: «Emplead sólo Esperanto, etc., redactada en francés* (Por lo tanto este sello es para usarlo en envíos postales *de* o *para* Francia);

2.° *Un sello internacional* conteniendo un dibujo que representa la estrella del Esperanto saliendo sobre las ruinas de la torre de Babel;

3ᵉ *Poŝtkarton* montrantan tiun bildon.

PREZO: *Cent glumarkoj franclingvaj aŭ internaciaj, aŭ dek poŝtkartoj po unu respondkupono aŭ egalvaloro.*

MENDOJ, *kune kun la mono (per poŝtaj aŭ de U. E. A. respondkuponoj, francaj poŝtmarkoj aŭ bankbiletoj) estu adresataj al* S-ro. Rollet de l'Isle, 35, rue du Sommerard, Paris 5ᵉ, France. Sciigu zorge la glumarkojn deziritajn *(franclingvajn aŭ internaciajn).*

3.° *Una tarjeta postal* con este mismo dibujo.

PRECIO: *Cien sellos en francés o internacionales, o diez tarjetas postales, un cupón respuesta o su equivalente* (0'40 pesetas).

PEDIDOS, *junto con el importe (en cupones-respuesta postales o de la U. E. A., sellos o billetes de banco franceses) diríjanse al* Sr. Rollet de l'Isle, 35, rue du Sommerard, París 5ᵉ, Francia. Aclárese bien la clase de sellos que se desean *(en francés o internacionales).*

---

# La Grupo "Lumradio" de Cheste

Dissendis cirkuleron anoncantan la malfermon de esperanta kurso por 1927-1928, kune kun aliaj kursoj pri ĝenerala Gramatiko, elementa Matematiko kaj aliaj instruadoj por la anoj de la societo, ĉar ĝia celo ne estas unike esperantista, sed amplekse kleriga kaj progresiga favore al la chestanoj.

La rezulto atingita estas tre kontentiga, ĉar estas multaj la novaj gealiĝintoj, kio devigis la prezidanton, sinjoro Máñez, organizi jam de la unua momento diversajn klasojn: unu por komencantoj, du por progresintoj kaj alia por kleruloj. Li estas helpata en tiu laborado de S-roj Jozefo Ruiz, Jozefo Ferrando kaj Emanuelo Martínez.

Grandajn laŭdojn meritas tiuj fervoregaj samideanoj el Cheste, precipe pro tio ke ili praktikas tiun ĉi kulturan laboradon senhaltan post la plenumo de siaj sociaj devoj, kiel honestaj kamparaj laboristoj, kaj ni varme kaj tutkore gratulas ilin, promesante nian sinceran helpon.

# El Grupo "Lumradio" de Cheste

Ha distribuído una circular anunciando la apertura del curso de Esperanto para 1927-1928, junto con otros cursos de Gramática general, Matemáticas elementales y otras enseñanzas para los socios del Grupo, pues su finalidad no es únicamente esperantista, sino ampliamente de instrucción y progreso en favor de los chestanos.

El resultado obtenido es muy satisfactorio, pues son muchos los nuevos adheridos de ambos sexos, lo cual obligó a su presidente, Sr. Máñez, a organizar ya, desde el primer momento, varias clases: una para principiantes, dos para los más adelantados y otra para personas instruídas. Le ayudan en esta labor los Sres. José Ruiz, José Ferrando y Manuel Martínez.

Grandes alabanzas merecen aquellos ferventísimos *samideanos* de Cheste, sobre todo porque practican esta continua labor de cultura después del cumplimiento de sus deberes sociales, como honrados trabajadores del campo, y nosotros les felicitamos calurosamente y de todo corazón, prometiéndoles nuestra sincera ayuda.

# SEVILLA

## LA URBO DE LA VII HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO KAJ DE LA IBER-AMERIKA EKSPOZICIO

OKTOBRO-NOVEMBRO 1928



IΓALIKA.—Romana Cirko, urbo, en kiu naskiĝis la imperiestroj Trajano, Teodosio kaj Adriano. Antaŭ kelkaj jaroj oni malkovris en ĝi idolanan kaj kristanan necropolojn, bronzajn tombojn kaj antikvajn mozaikojn. Tiu amfiteatra ruinaĵo staras apud Sevilla kaj estas vizitata de ĉiuj fremduloj.

# VII Congreso Español de Esperanto en Sevilla

## DEL 5 AL 9 DE NOVIEMBRE DE 1928

En los últimos días del mes de noviembre se ha empezado a distribuir la circular, ya publicada en LA SUNO, relativa al «Concurso literario internacional esperantista», que se celebrará con motivo del VII Congreso Español de Esperanto en Sevilla.

Debe este Comité organizador encarecer una vez más a todos nuestros correligionarios la mayor atención sobre esta fiesta literaria, para la cual es necesario recaudar varios donativos, a fin de que puedan concederse premios de cierta importancia a los mejores trabajos presentados.

Los Congresistas que han abonado su cuota hasta el día 30 de noviembre último, son:

Núm. 68.—D.ª Ana Fernández, de Almada, de Badajoz.
» 69.—D. Juan Gerona Soto, de Sevilla.
» 70.—D. José Otero Beato, de ídem.
» 71.—D. Urbano Gómez Collado, de Santander.
» 72.—D. Francisco Azorín Izquierdo, de Córdoba.
» 73.—D. Juan Serrano Olmo, de ídem.
» 74.—«Sevilla Esperantista Grupo», de Sevilla.
» 75.—«Centra Esperantista Grupo», de Madrid.
» 76.—D. Juan Kantek, de ídem.
» 77.—D. Eduardo Arroyo Sevilla, de Jaén.
» 78.—D. Juan Anguita Galán, de ídem.
» 79.—D. Andrés Castro Alonso, de Pontevedra.
» 80.—D. R. Bartoméu, de Barcelona.
» 81.—D. Andrés Piñó Alegret, de Valencia.
» 82.—D. Manuel Caplliure Ballester, de ídem.
» 83.—D. Fernando Soler Valls, de ídem.
» 84.—Srta. Concepción Soler Sempere, de ídem.
» 85.—D. José Peris López, de Benetúser (Valencia).
» 86.—D. José Esteve Pampló, de ídem.

*(Continuará).*

Como habíamos dicho anteriormente, han sido depositados en el Banco Español de Crédito, de Sevilla, los fondos recaudados para este Congreso y Fiesta literaria, en dos libretas de la Caja de Ahorros, de las que para retirar fondos se precisan las firmas de miembros del Comité Central de Madrid y Comité local organizador de Sevilla. La del Congreso tiene el núm. 3.178 y la del Concurso literario le ha correspondido el núm. 3.207.

El último día de cada mes se depositarán en las citadas libretas el total de las cantidades que se vayan recibiendo para mayor garantía de todos los adheridos y donantes.

Sevilla, 1.º de diciembre de 1927.—Por el Comité Local Organizador, El *Secretario-Tesorero,* CARLOS MARTÍNEZ FERNÁNDEZ.

**Nota.** Toda la correspondencia, envío de cuotas y donativos, se dirigirán al Secretario-Tesorero, que suscribe, calle Rioja, núm. 25. Sevilla.

## SCIIGOJ

*«Paco kaj Amo» el Barcelono.*—La esperantista societo tiel nomata, loĝanta en strato Planeta, 16, pral. (Plaza del Sol), faris tre efikan propagandon dum la lastaj monatoj.

Ĝi publikigis kaj dissendis sian oktobran numeron de Bulteno, kiu enhavas legindajn artikolojn en hispana kaj Esperanta lingvoj destinitajn al la neesperantista publiko kaj ankaŭ al siaj societanoj, farante historion pri Esperanto same ol pri la vivo de la societo, kaj anoncante la komencon de la Esperantaj klasoj en sia loĝejo, gvidataj de sinjoro S. Alberich kaj aliaj profesoroj.

Samtempe ĝi dissendis bele presitan 4-paĝan programon por la festo solenega, kiun ĝi okazigis la 16an oktobro, okaze de la XXa datreveno de sia fondiĝo, konsistantan en teatra prezentado, paroladoj, himno esperantista kaj aliaj kantoj, sekvata de familia festeno por plej forte kunligi la societanojn, animitajn de la plej fratigaj sentoj.

Entute agrablegaj horoj travivataj de ĉiuj kaj bonega propagando por nia afero ĉirkaŭ la publiko.

---

*Nia tre fervora samideano* S-ro. Isidoro Díaz, el Tocina (Sevilla), estas ankaŭ unu el niaj senlacaj amikoj, kiuj vigle antaŭenpuŝas nian aferon.

Li gvidas nun kelkajn kursojn de Esperanto en sia urbo. Unu el ili estas por novaj lernantoj ĉe la nacia Lernejo, kie nun kunvenas dek komencantoj. Alia estas pli supera klarigado por prepari kvin lernantojn de la pasinta jaro al Elementa ekzameno antaŭ nia Instituto.

La tuto el la lernantoj de S-ro. Díaz intencas premii iamaniere lian konstan-

## NOTICIAS

*«Paco kaj Amo»* (Paz y Amor) *de Barcelona.* — La sociedad esperantista así llamada, residente en la calle Planeta, 16, pral. (Plaza del Sol), realizó una propaganda muy eficaz durante los últimos meses.

Dicha sociedad publicó y distribuyó su Boletín de octubre, que contiene notables artículos en español y en Esperanto destinados al público no esperantista y también a sus socios, haciendo historia del Esperanto, así como de la vida de la sociedad, y anunciando el comienzo de las clases de Esperanto en su domicilio, dirigidas por D. S. Alberich y otros profesores.

Al propio tiempo distribuyó un programa elegantemente impreso, de cuatro páginas, sobre la solemne fiesta que organizó el 16 de octubre, con motivo del XX Aniversario de su fundación, que consistió en una representación teatral, discursos, himno esperantista y otros cantos, seguida de un banquete familiar de afirmación fraternal entre los socios, animados de los más afectuosos sentimientos.

En resumen: algunas horas agradabilísimas disfrutadas por todos y una excelente propaganda de nuestra causa alrededor del público.

---

*Nuestro muy fervoroso correligionario* D. Isidoro Díaz, de Tocina (Sevilla), es también uno de nuestros incansables amigos, que empujan nuestra causa.

Dirige en la actualidad algunos cursos de Esperanto en su pueblo. Uno de ellos es para nuevos alumnos en la Escuela nacional, donde se reunen ya diez principiantes. Otro es una explicación más elevada para preparar cinco alumnos del año pasado al examen Elemental ante nuestro Instituto.

El total de los alumnos del Sr. Díaz se proponen premiar de algún modo su

